# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 3/2003**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto Váňa



## ČIERNA MAČKA

*Boris LILOV*

„To mám ale smolu!"
skríkne istá žena,
zjavne vydesená;
čierna mačka zatiaľ ticho
mizne kdesi v podraste.
„Potom sme v tom spolu,"
konštatuje zviera,
ďalej sa však neobzerá.
Vie, že ľudia s čiernou
dušou nosia mačkám
nešťastie.



## NIGRA KATO

*Elslovakigis: Martin MINICH*

„Fi – bonŝanco lamas!"
homo vidas katon
nigran trans la straton;
renkontiĝon menso tima
konsideras eĉ ĉagren'.
„Mi pri tio samas,"
sonas kat-konstato.
Scias ĉiu kato,
ke la homo nigr-anima
estas malbona ja omen'.

*la traduko estas dediĉita al KAT-RONDANINOJ Marjorie BOULTON kaj Alica KOMLÓŠI*

## Enhavo



## Abonpago

En la jaro 2003 la jarkolekto (do kvar numeroj) **por slovakoj** kostos **150 Sk**, por **eksterlandanoj** pro pli altaj sendokostoj **200 Sk**. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la ***poŝtpagilo***
kun la mencio „ES 2003"
al la adreso de la teknika redaktorino
*(Magdaléna FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5,
010 01 ŽILINA).*

**Rekomendite estas** sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo – tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.

**GRAVE:**
bonvolu por eviti kaoson en abonregistrado
ne plu sendadi la monon al la konto de SKEF
en Poľnobanka Poprad!

***La redakcio kore dankas al vi.***

### *Distanciĝo de ĈEA de la peranto Vladislav HASALA*

*Ni atentigas membrojn de ĈEA, ke ripetiĝas kaj plioftiĝas plendoj fare de la eldonantoj de E-periodaĵoj al la servoj de la peranto V. HASALA. Ni konsideras nia devo deklari, ke ne temas pri la servo de ĈEA, sed privata aktivado de li, kaj ke ĈEA transprenas nenian respondecon pri (ne-)plenumo de la antaŭpagitaj servoj. Ĉar ne esta en fortoj de ĈEA peri abonojn, ni rekomendas al niaj membroj pagi rekte al la eldonantoj aŭ per la internacia poŝtmandato aŭ pere de UEA, se vi havas tie krediton.*

*Komitato de ĈEA*
*Laŭ STARTO 3/2003*

***Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*** *P. Baláž, K. Bodnárová, J. Gondžúr, J. Mikloš, M. Minich, J. Patera, J. Rechtorisová, I. Slávik, M. Šaturová, J. Tomíšek*
*aiaj informoj estas transprenitaj el la Interreto*

Fino de la redakta laboro: 03-11-2003
Eldonkvanto de la numero: 200 ekzempleroj

***Redakta konsilantaro:***
Ľubomír FAJTH
Katarína BODNÁROVÁ
Magdaléna FEIFIČOVÁ
*(teknika redaktorino)*
Vladimír NĚMEC
*(lingva redaktoro)*

***Adreso de la redakcio:***
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA-Prosné č. 161
*tel.: 0907/486 866*
*retadreso: <esperanto@bb.telecom.sk>*

*La kontribuaĵojn por la n-ro 4/2003 ni atendas ĝis la 30-a de novembro 2003*

# KALENDARO DE LA SKEF-ARANĜOJ

| Dato | Loko | Aranĝo | Org. | Respondecas | Kontakto |
|---|---|---|---|---|---|
| **2003/10/11** | Komárno | **Ĉedanuba renkont-iĝo de E. Geleta** | ESO | Minich Martin | minich@fphil.uniba.sk |
| **2003/10/ 24-26** | Topoľčianky | **Kreiva metiejo** | MEL | Vajs Ján | vajs@pobox.sk; 0903/650 184 |
| **2003/11/22** | Bratislava | **5-a E-o Film-festivalo** | OSES | Šándorová Nataša | natasa.sandorova@nextra.sk; 0905/138 769; 02/5249 4587 |
| **2003/12/13** | Vieno | **AEROV - Antaŭ-kristnaska vespero** | ESO | Komlóšiová Alica | minich@fphil.uniba.sk; 0904/910 486; 02/4329 1604 |
| **2003/12/15** | Žilina | **Kristnaska vespero** | MEL | Gondžúr Juraj | gondzur@urap.sk; 0903/552 152 |
| **2004/1/9/11** | Liptovský Ján | **Vintra grimpado al Poludnica** | MEL | Vajs Ján | vajs@pobox.sk; 0903/650 184 |
| **2004/2/8** | Žilina | **Neĝe tra Dubeň kaj Ostré** | MEL | Staňová Renáta | gondzur@urap.sk; 041/7244 972 |
| **2004/3/20** | Sniná | **Ŝtono de Sniná** | SKEJ | Puchá Zuzana | e klub@stonline.sk |
| **2004/4/10** | | **Záruby** | ESO | Rechtorisová Jarmila | jarmilarech@hotmail.com; 0907/184 669; 02/6541 2217 |
| **2004/4/24** | Piešťany | **Turisma renkontiĝo** | OSES | Šándorová Nataša | natasa.sandorova@nextra.sk; 0905/138 769; 02/5249 4587 |
| **2004/5/16** | Žilina | **Javorníky** | MEL | Valášek Miroslav | Valaskova.Marcela@vsb.sk; 0903/503 953; 041/4213 697 |
| **2004/5/ 28-30** | Nové Mesto n/Váhom | **SKEF-kongreso** | ESO | Tomašovičová Mária | valapka@stonline.sk; 0903/528 175; 032/7713 536 |
| **2004/6/12** | Poprad | **Kaprina ŝtono** | ERSO | Šturcel Marián | |
| **2004/6/26** | Dunajská Streda | **E-bazaro** | OSES | Šándorová Nataša | natasa.sandorova@nextra.sk; 0905/138 769; 02/5249 4587 |
| **2004/7/17** | Spišská Nová Ves | **Slovaka paradizo** | | Pavúk Peter | |
| **2004/8/7** | Martin | **Nacia tombejo, la 5a datreveno de morto de E.V.Tvarožek** | ESO | Komlóšiová Alica | minich@fphil.uniba.sk; 0904/910 486; 02/4329 1604 |
| **2004/8/ 14-21** | Bratislava | **77-a SAT-kongreso** | KAVA PECH | Chrdle P., Rechtorisová J. | jarmilarech@hotmail.com; 0907/184 669; 02/6541 2217 |
| **2004/8/ 27-29** | Liptovský Hrádok | **Montopintoj de Altaj Tatroj** | MEL | Surovček Vlado | 0908/218 680; 044/5222 402 |
| **2004/9/11** | Bratislava | **EMAKARO** | ESO | Rechtorisová Jarmila | jarmilarech@hotmail.com; 0907/184 669; 02/6541 2217 |
| **2004/9/18** | Bratislava | **Tago de vino** | OSES | Šándorová Nataša | natasa.sandorova@nextra.sk; 0905/138 769; 02/5249 4587 |
| **2004/10/ 1-3** | Žilina | **Žilinaa ora aŭtuno** | MEL | Gondžúr Juraj | gondzur@urap.sk; 0903/552 152 |
| **2004/10/9** | Štúrovo - Ostrihom | **Ĉedanuba renkont-iĝo de E. Geleta** | ESO | Minich Martin | minich@fphil.uniba.sk |
| **2004/11/20** | Bratislava | **6-a E-o Film festivalo** | OSES | Šándorová Nataša | natasa.sandorova@nextra.sk; 0905/138 769; 02/5249 4587 |
| **2004/12/ 10-11** | Bratislava | **AEROB -Antaŭ-kristnaska vespero** | ESO | Komlóšiová Alica | minich@fphil.uniba.sk; 0904/910 486; 02/4329 1604 |



# SKEF-RENKONTIĜO EN BANSKÁ ŠTIAVNICA

En la belega historia urbo BANSKÁ ŠTIAVNICA dum la tagoj ekde la 30-a de majo ĝis la 1-a de junio okazis la renkontiĝo de slovakaj esperantistoj sub la tegmento de SKEF. Partoprenis ĝin 27 membroj kaj ses gastoj.

Dum la vendreda vespera publika estrarkunsido alparolis nin ankaŭ Petro CHRDLE, la vicprezidanto de ĈEA, kiu informis pri venontaj ĉeĥaj aranĝoj kaj esprimis sian emon revivigi kunlaboron inter ambaŭ landaj asocioj kaj unuopaj esperantistoj. Li donis al ni ankaŭ informojn pri la planota SAT-kongreso 2004 en BRATISLAVA kaj pri jam diskutita tiucela kunlaboro kun ESO.

La sabatan oficialan parton de la renkontiĝo malfermis la prezidantino de SKEF s-rino Mária TOMAŠOVIČOVÁ kaj la traktadon gvidis s-rino Helena SERES. La ĉeestantojn bonvenigis la urbestro de BANSKÁ ŠTIAVNICA s-ro Inĝ. Miroslav LICHNER, CSc.

La renkontiĝo ne havis tradician kongresprogramon, sed la ĉefa parto de la sabata antaŭtagmezo estis dediĉita al informoj pri aktivecoj de unuopaj kolektivaj membroj de SKEF – ESO, OSES, MEL (plus konciza informo de ERSO) kaj pri iliaj planoj por venonto.

Dum la varma posttagmezo ni ĝuis belan urbotrarigardon sub la gvido de belega, sed bedaŭrinde nur slovake parolanta, juna ĉiĉeronino. Post la reveno kristanoj partoprenis sanktan meson celebritan far la pastro s-ro Alojz DLUGI.

Vespere okazis kulturaj prezentadoj de literaturaj verkoj kaj kelkaj diskutis pri kunlaboro kun la direktoro de la urba mezlernejo. Fine prezentis sin s-ro Vlado SLÁDEČEK el OSTRAVA, s-ro Vladimír SUROVČEK kun siaj pentraĵoj kaj ege surprizis nin s-ro A. DLUGI ludante citron kaj kantante. Post tombolo (Jarmila RECHTORISOVÁ) ni ankoraŭ longe komune babilis.

Dimanĉe daŭris oficiala traktado per kunsido de unuopaj sekcioj – IKUE, fervojista, junulara, teknika kaj interreta, turisma kaj biciklisma, kiuj poste informis nin ĉiujn pri iliaj agadplanoj. La plej grava rezulto estis denova oficiala ekesto de Slovaka Esperanta Junularo SKEJ kaj turisma plano organizi dum 12 monatoj de venonta jaro ekskursojn al 12 montopintoj en la tuta Slovakio.

Fine sekvis nova programero de niaj renkontiĝoj: „La estraro respondas demandojn de la partoprenantoj“ kaj diskuto. Posttagmeze ankoraŭ interesuloj havis eblecon viziti la muzean minejon ĉe la urbo.

***Ĉefaj konkludoj de la renkontiĝo:***

- SKEF fariĝos nur kunordiga organo kun cirkulanta prezidanto, memstaraj ĉefdelegito kaj redaktoro de ES
- estis preparita kalendaro por la periodo 6/2003 ĝis 12/2004 (estas aldonita)
- la mastrumadon transprenis s-rino Tomašovičová

***Ĉefaj celoj:***

- revivigo de ERSO;
- aktivigi instruadon de Esperanto;
- finpreparo de arkivo kaj alveturigo de materialoj;
- pere de MEL eluzi eblecon donaci 1 % de imposto al la slovaka esperantistaro;
- prizorgi kaj efike uzadi la interretan paĝon: www.esperanto.sk.

***Eldonplanoj:***

- regula aperigado 4-foje jare de ES kaj de lokaj bultenoj – RAPORTANTO, VOĈO DE OSES, KURIERO;
- eldono de la Kolekto de literaturaj verkoj el konkursoj dum kongresoj;
- eldoni la unuan version de „Kiu estas kiu en Slovaka Esperantujo“ sur kompaktdisko;
- samforme eldoni preparitan parton de Tvarožek-vortaro;
- aperigi kompaktdiskon pri Esperanta vivo en Slovakio:
  - SKEF-gvidilo
  - Kiu estas kiu
  - Kulturaj kaj historiaj materialoj
  - pasintaj numeroj de ESPERANTISTO SLOVAKA, RAPORTANTO, ...
  - kantoj ...

*- JéGé -*

# PRI LA KOSTO DE LA KOMUNA LINGVO

*1. Enkondukaj rimarkoj*

Estas vaste disvastiĝinta la kredo, ke la kosto de la multlingveco estas tiu de la lingvaj kostoj de la internaciaj institucioj, kiel UN, UNESCO, aŭ tiuj de la Eŭropa Unio. Fakte la plurcent milionoj da dolaroj pro la lingvaj servoj de la internaciaj organizaĵoj estas bagatelo, se kompari ĝin kun la lernokostoj de iu nacia lingvo, kiu kiel komuna lingvo estus deviga por ĉiuj homoj.

Laŭ mia konvinkiĝo EU bezonas havi unu komunan lingvon, kiun ĉiuj ĝiaj civitanoj bone komprenas, parolas kaj skribas en ĉiutagaj kaj proprafakaj temoj, kion nun nur la lingva elito kapablas fari. Samtempe la gepatraj lingvoj devas esti protektataj, libere uzataj kaj plu evoluigataj. Do la lernado de la komuna lingvo estu facila por kiu ajn averaĝkapabla civitano kaj ĝi ne forprenu energion de la gepatraj lingvoj kaj ne rezultigu la velkadon kaj formortadon de ĉi lastaj.

Ĉu la komuna lingvo estu iu nacia lingvo, ekzemple la angla?

*2. Konsideroj pri la lernado de la angla (kaj aliaj naciaj lingvoj)*

Averaĝkapabla homo povas alproprigi la anglan (aŭ alian averaĝe malfacilan lingvon) dum ĉ. 2 000 laborhoroj por povi kontentige bone uzi ĝin en ĉiutagaj konversacioj kaj en sia fako (kio tamen ne estas gepatralingva nivelo!).

Ĉiujare ĉ. 1,5 % de la loĝantaro devas aperi kiel nova lingvoscianto. Ekz. en Germanio kun 80 milionoj da loĝantoj tio signifas 1,2 milionojn da civitanoj, kiuj antaŭe jam lernis po 2 000 horojn. Se ni taksas la averaĝan horsalajron je 5 EUR, unu lernanto senpage plenumas laboron valoran je 10 000 EUR (aŭ USD), dum la suma lernotempo estas 2,4 miliardoj da laborhoroj, ekvivalento de 12 miliardoj da EUR/jaro.

Inter la 440 milionoj da neanglalingvuloj el la baldaŭ 500 milionoj da loĝantoj de la Eŭropa Unio ĉiujare devos aperi 6,6 milionoj da novaj lingvosciantoj, kio signifas 13,2 miliardojn da laborhoroj, t.e. 66 miliardojn da EUR ĉiujare. Kun aldono de la instrukostoj, la totalo estos ĉ. 73 miliardoj da EUR/jaro.

La denaskaj anglalingvuloj de EU perdos nenian plusan tempon kaj monon por la lernado de la angla, eĉ ili povos utiligi tiun tempon por pli altnivela faka lernado aŭ pagata laboro (ekz. instruado de sia gepatra lingvo al alilingvanoj).

Se la tuta homaro de 6,4 miliardoj da homoj (el kiuj subtrahiĝas 400 milionoj, t.e. 6,2 % da denaskaj anglalingvanoj) devos alproprigi la anglan, 90 milionoj da novaj lingvosciantoj devas aperi ĉiujare, kiuj enkorpigas antaŭe plenumitajn 180 miliardojn da laborhoroj, t.e. financan ekvivalenton de

900 miliardoj da EUR/jaro. Kune kun la kostoj de la instruado kaj aliaj rilataj kostoj la totalo atingos ĉ. 1 000 miliardojn da EUR/jaro. Estas notende, ke en 1999 la 15 plej fortaj potencoj kune elspezis 570 miliardojn da USD (aŭ EUR) por defendkostoj. La tutmonda lernado de la angla bezonos do preskaŭ ties duoblon.

*3. Konsideroj pri la lernado de Esperanto*

La alproprigo de Esperanto postulas averaĝe nur 200 laborhorojn/lernanto, do akcepti Esperanton dekonigus la tempon kaj la financan ekvivalenton (koston) de la lernado, kompare kun tiuj de la angla. En Germanio, kun 1,2 milionoj da novaj lingvosciantoj/jaro, la individua lernokosto estus 1 000 EUR/lingvolernanto, tutlande la lernado bezonus 240 milionoj da laborhoroj/jaro, t.e. 1,2 miliardojn da EUR/jaro. Kun aldono de la instrukostoj la totalo estus 1,3 miliardoj da EUR/jaro. En la Eŭropa Unio por la tuta (angla kaj neangla) loĝantaro kun 7,5 milionoj da novaj lingvosciantoj/jaro estos plenumendaj 1,5 miliardoj da laborhoroj/jaro, t.e. 7,5 miliardoj da EUR/jaro. Kune kun la instrukostoj ĉ. 8,3 miliardoj da EUR/-jaro. En la tuta mondo, el la tuta (angla plus neangla) loĝantaro, 96 milionoj da novaj lingvosciantoj/jaro antaŭe lernus 192 miliardojn da laborhoroj, kies financa ekvivalento - se en tiu iom malproksima tempo en la tuta mondo estus similaj vivniveloj kaj salajroj kiel nun en Eŭropo - estus 96 miliardoj da EUR/jaro. Kun aldono de la kosto de instruado la totalo estus ĉ. 105 miliardoj da EUR/jaro.

*4. Konkludoj*

Elekto de nacia lingvo kiel komuna lingvo signifas ne nur politikan diskriminadon, sed ĝi rezultigas ankaŭ gravan malboniĝon de la ekonomia konkurenckapablo kaj falon de la vivnivelo de la neanglalingvanoj (pro la plialtigendaj impostoj por kovri la kostojn de la vivtenado de la aktuala lingvolernanta generacio) rilate al tiuj de la denaskaj anglalingvanoj, dum elekto de Esperanto kaŭzas diskriminadon nek en politiko, nek en la lingvolernado, nek en la ekonomiaj konsekvencoj. Esperanto kiel deviga komuna dua lingvo komprenеble starigas nenian obstaklon kontraŭ laŭplaĉa alproprigo de kiaj ajn pluaj lingvoj, eĉ la scio de Esperanto grave plifaciligas la lernadon de aliaj lingvoj, ĉu de la devige oficiala (por minoritatoj en certaj landoj), ĉu de laŭplaĉe elekteblaj aliaj. Esperanto helpas plialtigi eĉ la scion kaj nivelon de la gepatra lingvo.

*Vidu detalojn en la ĉi-subaj referencoj:*

1. HASZPRA, Otto: La natura ŝarĝo de la lingvolernado kaj ĝia radikala malpliigeblo. Scienca Revuo 3/2002 kaj Debrecena Bulteno 131, 2002. (Ambaŭ kun detala literaturlisto.)
2. The Defence Budget. En: Stockholm International Peace Research Institute Yearbook, 2000.

*Otto HASZPRA , haot@freemail.hu*
*Digest Number 629, europa-esperanto-unio@yahoogroups.com*

*La skandinavian GOTENBURGON atingis ĉi-somermeze sep slovakoj:*
*Peter BALÁŽ, Katarína BODNÁROVÁ, Juraj GONDŽÚR, Stano MARČEK, Martin MINICH, Eva POLÁKOVÁ, Jolana STANÍKOVÁ.*




*Iu el ili petvojaĝis, iuj venis propraaŭte,*
*du maltrafis la aviadilan konekton kaj tramis de Danio, alia*
*alflugis el Nederlando, du venis tra la pli norde situanta*
*LESJŐFORS, kie okazis la TEJO-kongreso.*
*Eva POLÁKOVÁ venis reprezentante AIS-on,*
*Stano MARČEK ĉeestis kiel redaktoro de la revuo ESPERANTO*
*(kaj finkompilinto plus alportinto de la ĉi-jara Jarlibro),*
*Kaťa BODNÁROVÁ helpis al la CO-stabo,*
*Peter BALÁŽ provis realigi sian iniciaton fari filmon pri Esperanto,*
*iu el la grupo ĉeestis kiel nigra pasaĝero.*
*Ĉiu vidis la UK-n el alia vidpunkto, kelkaj eĉ de malantaŭ la kulisoj.*
*Jen la kalejdoskopo de tio, kion ili konsideris grava por komuniki al la legantoj de ES.*

*Katarína BODNÁROVÁ*

## SVERIGES TELEVISION: „ESPERANTO-KONGRESO EN GOTENBURGO“

„Vi estas bonvena al GOTENBURGO!“ Tiu frazo povas esti uzata inter la 26-a de julio kaj la 2-a de aŭgusto, se vi volas diri „Bonvenon al GOTENBURGO“ al unu el la partoprenantoj de la monda Esperanto-Kongreso, kiu okazos tiam. Ĉirkaŭ 1 800 'esperantistoj', tio estas homoj, kiuj parolas la artefaritan mondan lingvon, vizitos GOTENBURGON dum tiuj ĉi tagoj. Partoprenantoj en la 88-a monda kongreso venas el ĉirkaŭ sesdek landoj.

Neniu vere scias, kiom da homoj en la mondo parolas Esperanton, kaj ne troviĝas regiono, kie Esperanto estas ĉiutage parolata. Sed tio estas bona afero pri Esperanto, pensas Bengt NORDLF, kiu estas informisto ĉe la kongreso en GOTENBURGO. Neŭtrala lingvo estas bezonata. Kiam oni uzas la anglan, tiam ĉiuj aliaj estas en malsupra pozicio rilate al angloj kaj usonanoj, li diras al TT.

*19/07/2003 (sv) SVERIGES TELEVISION*

## SVEDIO – MIAJ IMPRESOJ

Do, somero estas for, libertempo ankaŭ, kaj plej parte ankaŭ Esperanto-aranĝoj. Minimume la du „plej gravaj“ kaj verŝajne ankaŭ la plej grandaj. Ekde la 19-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto „translokiĝis“ Esperantio en Svedion kaj klare montris, ke utopio ne devas resti utopio, se multaj homoj samopinias, kaj samtempe, samloke pretas pruvi, ke eblas ekzisti multnacie, multrase, multkulture kaj tamen unulingve.

De la 19-a ĝis la 26-a de julio mi (el Slovakio kune kun Martin MINICH) ĉeestis la IJK-n (Internacia Junulara Kongreso), okazinta en la vilaĝo LESJŐFORS en la meza Svedio, proksimume 300 km nordoriente de Gotenburgo, kie ĉeestis ĉ. 300 gejunuloj. Tuj poste, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto mi (kune kun ses aliaj slovakoj) ĝuis la etoson de la 88-a Universala Kongreso okazinta en GOTENBURGO kune kun ĉ. 1 800 gesamideanoj el 63 landoj.

Kaj kiel estis? Bonegege! Vere bone organizitaj kongresoj kun multaj programeroj, kie ĉiu povis trovi tiun „sian“ emon.

Dum IJK estis multaj prelegoj, kursoj de dancoj kaj de teatro, fakaj kunsidoj, TEJO-estrarkunsido, ekskursoj. Ĉiuvespere amuzigis gejunulojn (gravas anima juneco, ne aĝo) koncertoj (de Dolĉamar, Ĵomart kaj Nataŝa, Junas kaj pli Junas...), Esperante subtitolitaj filmoj, kaj ĝis frumatene diskoteko. Ankaŭ „gufujo“ ne mankis – por babilado, filozofumado...

Iomete surprizis min nur malmultnombra ĉeesto de poloj kaj hungaroj kaj tuta malĉeesto de ĉeĥoj.

Kaj UK? Al mi mankis junulara programo (ekzemple diskoteko post nacia aŭ internacia vespero), kiu povus esti pli riĉa. UK havas iom pli seriozan, „plenkreskulan“ vizaĝon. Sed krom tio (kaj krom sufiĉe longaj vicoj antaŭ la giĉetoj ĉe akceptado) ne riproĉeblas io. Multaj prelegoj (kelkaj seriozaj, kelkaj por mi ridindaj), diskutrondoj, estrarkunsidoj, koncertoj, ekskursoj. Grandega libroservo (kun altegaj prezoj, sed tamen valoris eniri kaj eblis trovi ion por si) kaj nokta programo en amasloĝejo kun kantado, ludoj, babilado bonege kompletigis la tutan aranĝon. Ĉiuj, kiuj ne ĉeestis, povas bedaŭri. Aŭ pli bone – ne bedaŭru, sed komencu ŝpari monon. Por ke ni povu venontjare renkontiĝi aŭ en Rusio (200 km oriente de Moskvo) dum IJK aŭ en Ĉinio (PEKINO) dum UK. Mi jam planas la vojaĝon.

Kiel priskribi la aranĝojn unufraze?: MULTflanke „MULTfrenezaj“ MULTnaciaj MULTlandaj ĉeestantoj parolis pri MULTdiversaj temoj UNUlingve.

*Petro BALÁŽ*



## LA 88-A UK PER ALIAJ OKULOJ

Ĉi-jare nur du žilinaanoj partoprenis la 88-an UK kun la flugkaravano organizita de Petro CHRDLE el PRAGO. Post malgranda malfruiĝo en KOPENHAGO ni surprize daŭrigis la vojon anstataŭ aviadile trajne tra tunelo kaj ponto al la sveda MALMÖ kaj GOTENBURGO. Do almenaŭ ni havis eblecon pli bone ekkoni belan svedan naturon.

*La **kongresa libroservo** raportis, ke la kongresanoj aĉetis librojn, diskojn, kasedojn k.s. je la sumo de ĉ. 30 mil eŭroj (inkluzive de la impostaj krompagoj). La pintajn vendojn ĝuis jenaj tri libroj:*

1. *La Zamenhof-strato, de Roman DOBRYNSKI*
2. *La Postdomo, de Istvan ERTL*
3. *Esperanto sen mitoj, de Ziko Marcus SIKOSEK*

*Inter la plej amase vendataj troviĝis ankaŭ la nova Esperanto-Dokumento, preparita de Detlev BLANKE.*

La bela marborda GOTENBURGO bonvenigis nin Esperante per nacia vespero kaj aliaj E-aranĝaĵoj, kiuj netradicie okazis dimanĉe antaŭ lunda solena inaŭguro. La kongreso okazis en Gotenburga Kongesa Centro kaj partoprenis ĝin ĉirkaŭ 1 750 esperantistoj. La ĉefa temo de UK estis „Lingvaj rajtoj kaj respondecoj”. La ĉeestantojn nome de Slovakio salutis Juraj GONDŽÚR, la vicprezidanto de SKEF.

Renkontiĝoj inter amikoj alternis kun unuopaj programeroj, diskutoj en koridoroj kaj ekskursoj. Esperanta semajno rapide perdadis siajn tagojn. Sed krom kutima paso de la kongreso mi volus substreki du aferojn. Unue, estis grave, ke kiel kunorganizantoj laboris du slovakoj – Katka BODNÁROVÁ kaj Stano MARČEK kun sia Kongresa Kuriero. Kaj due, Trevor STEELE, la ĝenerala direktoro de Centra Oficejo, malgraŭ siaj devoj trovis tempon kaj invitis slovakajn esperantistojn al vespermanĝo por iom pli bone konatiĝi, diskuti kaj ankaŭ iom babili.

Krom blankaj noktoj GOTENBURGO ofertis al ni multajn vidindaĵojn, kiel ekzemple malnovan urbon, kanalojn, stratojn, havenon kun interesa operdomo, la plej grandan skandinavian ludcentron kaj ankaŭ Esperantan urboplacon. Ekskursante en ĉirkaŭaĵo ni havis eblecon vidi unuran svedan fjordon, multajn belajn golfojn antaŭ la urbo.

Post la solena fermo kaj transdono de la UK-flago al pekinaj esperantistoj por venonta kongreso ni komencis adiaŭi Svedion, sed ankoraŭ ne kun skandinavaj esperantistoj. Dum pluaj tri tagoj ni vizitis Esperantan klubon en KOPENHAGO kaj danaj esperantistoj ankaŭ montris al ni tiun

interesan urbon kun multaj akvokanaloj, muzeoj, ludcentro Tivoli, preĝejoj kaj fama malgranda mara feino. Ni ankaŭ konatiĝis pli bone kun historio kaj vivmaniero de vikingoj en la urbo ROSKILDE.

Al ni tiel plaĉis en Skandinavio, ke ni (žilinaanoj) preskaŭ ne kaptis ĝustan aviadilon el KOPENHAGO al PRAGO kaj restis tie. Do ni revenis kun multaj belaj travivaĵoj.

Ĉiu kongreso donas al ĉeestantoj novan etoson plu labori en Esperanto-movado. Se vi ne kredas, veturu venontjare al PEKINO, kaj se tio ŝajnas al vi tro malproksime, en la jaro 2005 partoprenu la kongreson en certe pli proksima VILNO. *- JéGé -*

## REZOLUCIO DE LA 88-A UK DE ESPERANTO

La 88-a Universala Kongreso de Esperanto, kunveninte en GOTENBURGO, Svedujo, de la 26-a de julio ĝis la 2-a de aŭgusto 2003, en ĉeesto de 1 800 personoj el 62 landoj, kaj traktinte la temon „Lingvaj rajtoj kaj respondecoj“

**atentigas** pri la pluraj iniciatoj kaj deklaroj de Universala Esperanto-Asocio en lastaj jaroj pri la konservado de lingva pluralismo ene de ŝtatoj kaj en la rilatoj inter ŝtatoj, kaj pri la rolo, kiun la Internacia Lingvo Esperanto povas ludi kiel efika kaj neŭtrala ponto inter la diversaj lingvoj;

**notas en tiu rilato** ekzemple la Manifeston de PRAGO (1996) pri lingva demokratio, kaj rezoluciojn de Universalaj Kongresoj de Esperanto en ZAGREB, Kroatio (2001), kaj FORTALEZA, Brazilo (2002);

**konstatas,**

- ke lingvoj plenumas fundamentan rolon en homaj socioj ne nur kiel iloj de komunikado sed ankaŭ kiel manieroj por esprimi sian identecon;
- ke lingva diverseco reprezentas unu el la grandaj riĉaĵoj de la homa kulturo kaj estas konservenda en la kunteksto de demokratia lingvopolitiko, kaj ke tia politiko ankaŭ liveras la lingvajn rimedojn ne nur por komunikado ene de socioj, sed ankaŭ inter la socioj;
- ke lingvaj rajtoj - nome tiuj rajtoj, kiuj rilatas al la kontentigo de komunikbezonoj kaj la esprimado de identeco en plurlingvaj situacioj - estas esenca sed tro ofte neglektata elemento en la fundamentaj homaj rajtoj;

- ke la realigo de lingvaj rajtoj estas afero ne nur jura sed ankaŭ morala, en kiu ĉiu havas respondecon partopreni;
- ke tiuj rajtoj aplikiĝas, aŭ devus aplikiĝi, je ĉiuj niveloj de la homa socio, ekde la rajtoj de individuoj tra la protektado de lingvaj malplimultoj ĝis lingva egaleco en la rilatoj inter ŝtatoj;
- ke la principoj de egalrajteco kaj de demokratia komunikado postulas konservadon de la lingva diverseco en multlingvaj komunumoj, en la kadro de egaleca kaj klara lingvopolitiko, ĉar tio ebligas maksimuman socian partoprenon de ĉiuj civitanoj;
- ke manko de klara kaj aktiva lingvopolitiko malfermas la vojon al lingva dominado kaj hegemonio;
- ke eblas konservi lingvan diversecon, precipe en interŝtataj rilatoj, nur per aktiva lingvopolitiko cele al realigo de neŭtrala multlingvismo, en kiu neniu lingvo havas dominan rolon;

**atentigas** pri la multjaraj spertoj de la Esperantlingva komunumo kiel modelo de egalrajta komunikado en multlingva socio kaj pri la preteco de tiu lingvo por ludi multe pli aktivan rolon kiel pontolingvo en la rilatoj inter ŝtatoj kaj en multilingvaj sistemoj de komunikado,

**petas** la diversajn Esperanto-organizaĵojn, je internacia, nacia kaj loka niveloj, kunlabori en sistema klopodo atentigi pri la kvalitoj de la Internacia Lingvo Esperanto, kaj konservi kaj evoluigi la lingvon tiel ke ĝi plej bone ludu sian rolon kiel transponta lingvo en multlingvaj situacioj,

*La komitato elektis ses novajn **Honorajn Membrojn de UEA**. Tiuj estas: Edwin BURG (Nederlando), Adolf BURKHARDT (Germanio), Imre FERENCZY (Hungario), Salah GHANEM (Libano), Josef KAVKA (Ĉeĥio), Antanas MEKYS (Litovio).*

**kaj alvokas** al ĉiuj internaciaj organizaĵoj registaraj kaj neregistaraj, al registaroj kaj aliaj instancoj, al fakuloj kaj sciencaj organizaĵoj, kaj al ĉiuj civitanoj, kiuj deziras konservi kaj fortigi lingvan egalecon je ĉiuj niveloj, pli profunde esplori la kapablojn kaj atingojn de la Internacia Lingvo Esperanto en la rilatoj inter lingvoj kaj popoloj ĉie en la mondo kaj apliki ties lingvajn rimedojn.

## LA 16-A EKUMENA ESPERANTO KONGRESO EN RIMINI

En la tagoj 30.8.-6.9.2003 okazis en RIMINI, Italio, tre impona, jam la 16-a Ekumena Esperanto-Kongreso. Kadre de la kongreso okazis ankaŭ la 56-a IKUE-kongreso. Tiun ĉi allogan okazintaĵon partoprenis 280 kredantoj el 18 landoj.

La kongreso okazis en la paroĥejo kaj preĝejo de sanktaj Johano kaj Paŭlo, kie ofereme laboras nia meritplena kaj sindona paroĥestro, pastro Duilio MAGNANI, la honora prezidanto de IKUE. Li senlace prizorgis la okazigon de tiu ĉi mirinda renkontiĝo, kie esperantistoj - katolikoj, protestantoj kaj ortodoksaj kristanoj - dum la tuta semajno kune preĝis, kantis kaj aŭskultis plurajn interesegajn prelegojn. Ne mankis ankaŭ distraj kulturaj programeroj, kantoj, koncerto kaj diskutadoj.

La temo de la kongreso estis: „Vi estos miaj atestantoj, salo kaj lumo por la mondo". Konforme kun la kongresa temo ĉiutage ni aŭskultis valorajn prelegojn pri martiroj kaj atestantoj de la kredo, kiuj oferdonis siajn vivojn por la vero. Ĉiutage okazis sanktaj mesoj en la belega preĝejo, kiu estas fama pro siaj artaj mozaikoj kaj dulingvaj tekstoj – italaj kaj Esperantaj. La nombro de la pastroj - esperantistoj - kulminis, kiam ja eĉ naŭ pastroj kuncelebris la sanktan meson! Ĉiuj kongresanoj uzadis la jam faman, bonegan helpilon, la preĝ- kaj kant-libron ADORU, kiu fariĝis vere ne malhavebla libro por ĉiuj partoprenantoj.

Dum la kongreso okazis ekskurso de la kongresanoj al la plej malgranda ŝtato, SAN MARINO, kie estas la sidejo de Akademio de la Sciencoj AIS. Ni vizitis la urbon RAVENNA, faman pro siaj pluraj belegaj kaj arte valoregaj preĝejoj kaj per la tombo de Dante.

Kadre de la kongreso okazis ankaŭ ĝenerala kunveno de IKUE, kie estis elektitaj ĝiaj novaj gvidorganoj kaj estraro por la periodo 2003-2007. Kiel prezidanto de IKUE estis elektita s-ro Miloš ŠVÁČEK, multjara kaj aktiva prezidanto de la ĉeĥa sekcio de IKUE.

Specialan mencion meritas la ĉi-jara centjara jubileo de la gazeto ESPERO KATOLIKA. Pri ĝi kaj ĝia historio tre funde prelegis ĝia redaktoro, la sekretario de IKUE, s-ro Carlo SARANDREA, kiu gvidis la distran programvesperon kiel vere elokventa kaj kompetenta konferenciero.

Ni dankas al ĉiuj organizantoj kaj prelegantoj, kiuj ebligis al ni travivi parton de „surtera ĉielo" inter la gefratoj, en unika etoso de kristana amo kaj interkompreniĝo.

*Magda ŠATUROVÁ*



De kelka tempo funkcias nova pola portalo **www.religia.pl**
kun multaj interesaĵoj pri religio
kaj pilgrimlokoj en la mondo. Inter aliaj lingvoj
estas uzata ankaŭ Esperanto.
Vi povas sendi al viaj amikoj
belajn bilkartojn kun foto kaj muziko.
Uzante la programon „EK" eblas sendi ankaŭ kartojn
kun ĉapetlitaj literoj. Provu kaj uzu ankaŭ vi.

*Stanislavo MANDRAK*

*Sur la scenejo de la slovakia E-vivo aperis en la lastaj du-tri jaroj kelkaj junuloj. Ilia aĝo en si mem pozitive influas niajn kunestojn, sed la plibonigo de la statistikoj estas la malpli grava signo de ilia esperantisteco. Ĉi grupo estas ne nur ornama – ĝi estas potenca aganto.*

## SKEJ - SLOVAKIA ESPERANTA JUNULARO

Slovakia Esperanta Junularo estas civitana asocio de junuloj kaj por junuloj. Ĝi ekestis la 13-an de aŭgusto 2003.

Ĝia **celo** estas:

a) subteni la internacian lingvon Esperanto kiel rimedon por internacia komunikado,
b) informi junajn homojn en Slovakio pri Esperanto,
c) iniciati kaj subteni projektojn pri internacia kunlaboro de junaj homoj kun eluzo de la lingvo Esperanto,
d) organizi klerigajn kaj kulturajn aranĝojn en Esperanto aŭ direktitaj al Esperanto,
e) kunlabori kun organizaĵoj, kies celoj kongruas kun tiuj de SKEJ.

**La estraro de SKEJ:**

- Prezidanto: Peter BALÁŽ
- Viceprezidanto: Vilam BÚR
- Estraranoj: Martin MINICH, Pavol PETRÍK, Rastislav ŠARIŠSKÝ

**Sidejo:**

- Slovenská esperantská mládež,
  Čiližská 26, 821 07 Bratislava, Slovakio
  **tel.:** 0902/203-369, **ret-adreso:** esperanto@host.sk

*el: http://lingvo.org/*

**RONDAJ E-DATREVENOJ DE 2003**

- la 10-a: en 1993 Esperanta PEN-Centro aliĝis al Internacia PEN-Klubo
- la 30-a: de la E-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj JUNA AMIKO (fondita en 1973)
- la 35-a: en 1968 okazis la 1-a Pupteatra Internacia Festivalo en ZAGREBO
- la 40-a: en 1963 ekaperis KONTAKTO
- la 65-a: en 1938 fondiĝis TJO (TEJO) en la unua IJK

*Fine de aŭgusto ekfunkciis nova eldonejo ESPERO – sub www.espero.sk vi trovos pli da detaloj. Paĝo estos – ĉefe pro sinsekvo de eldonado de unuopaj titoloj – kontinue ĝisdatigata.*

## ESPERO - NOVA ELDONEJO DE (ANKAŬ ESPERANTAJ) LIBROJ

**La eldonejo ESPERO** ekestis surbaze de la eldonejo TRETIA VLNA (la Tria Ondo) – kaj estas ĝia posteulo kaj iom plivastigita daŭriganto. Libroj de nia eldonejo plue dediĉiĝos al esploro de evoluo de la homa konscio, al esploro de homaj eblecoj, limigoj kaj limoj, al esploro de kialoj de la homa sufero kaj de ĝia eventuala forigo.

Tiu ĉi areo troviĝas sub la verkserio **„TRETIA VLNA"**, kie aperados precipe libroj de slovaka verkisto Marian REPKA, sed poste ankaŭ de aliaj verkistoj, kiuj povas al tiu ĉi temo ion diri (J. Kriŝnamurti, Budao...).

En la verkserio **„ESPERANTO"** aperados materialoj rilataj al tiu ĉi internacia lingvo - kiel lernolibroj, tradukoj de libroj, multimediaj kompaktdiskoj, sed ankaŭ dulingvaj versioj de iuj libroj.

En la verkserio **„BELECO DE LA ARTO"** povos leganto trovi diversspecajn verkojn (poemoj, beletro, sciencfikcio, kalendaroj aŭ bildpublikaĵoj), kiuj rilatas al la nomo de la verkserio kaj havas certan eldiran enhavan valoron.

Ĉar verkoj de nia produktado (almenaŭ plimulto de ili) havas supernacian kaj supertempan enhavon, eblas, ke en la estonto vi trovos ilin ankaŭ en aliaj landoj kaj lingvoj, eventuale en dulingvaj eldonoj.

***Paŝoj subtenantaj pacon:***

*La unua paŝo subtenanta pacon: lerni la internacian lingvon – Esperanton.*
*La dua paŝo subtenanta pacon: ĉesi dividi homojn laŭ nacieco.*
*La tria paŝo subtenanta pacon: ĉesi dividi homojn laŭ raso.*
*La kvara paŝo subtenanta pacon: rezigni pri ĉiuj ideologioj.*
*La kvina paŝo subtenanta pacon: trovi tempon por meditadoj.*

***La unua paŝo al paco – Esperanto***

*Ju malpli ni komprenas unu la alian kiel homoj, des pli facie oni povas manipuli nin al la milito. Kiam ni renkontas iun, kun kiu ni ne povas komuniki, eventualan eraron ni malfacile povas forigi per interparolo. Tial la unua kondiĉo por atingi la tutmondan pacon estas internacia lingvo. Se ĉiuj homoj komprenos unu la alian, politikistoj, kiuj volus inciti ilin kontraŭ si, havos tre malfaciligitan situacion. Kun ĉi tiu konscio politikistoj en neniu lando interesiĝas pri la subteno de internacia lingvo. Iuj ne subtenas ĝin konscie, aliaj eĉ ne pripensas, kial ili ne faras tion, sed ĉiuj estas unuanimaj: ili subtenas naciajn lingvojn. Angloj kaj usonanoj disvastigas la anglan, germanoj la germanan kaj francoj la francan. Nek unu el grandaj nacioj propagas la internacian lingvon...*

La ĉefa parto de nia laboro estos eldonado de libroj, sed estonte povas enhavo de nia agadkampo plilarĝiĝi ankaŭ je aliaj kampoj (prelegoj, seminarioj, kursoj).

Ni kredas, ke niaj libroj interesos vin, inspiros, donos bezonatajn informojn kaj iĝos por vi iloj ĉe la serĉado de saĝeco, kono, gajo kaj beleco.

Se vi mem estas aŭtoro de libroj apartenantaj al unu de niaj kategorioj (aŭ vi konas ties aŭtorojn), ni ĝoj-atendas viajn manuskriptojn, kaj en la kazo de bonkvalitaj verkoj ni volonte kunlaboros.

Nuntempe en la verkserio „ESPERANTO" oni preparas internacian multimedian kompaktdiskon „Esperanto - lingua incognita". En la verkserio "TRETIA VLNA" oni preparas libron de Marian REPKA „Nie sme bezmocní" (Ni ne estas senpovaj), kio estas „Biblio" por homoj, strebantaj atingi pacon en la mondo.

*Katarína BODNÁROVÁ*

## KONSULTIĜO EN GLIWICE

En la tagoj 12.-14.09.2003 okazis en GLIWICE (suda PL) laŭvica konsultiĝo de landaj reprezentantoj de Mezeŭropaj E-organizaĵoj.

Partoprenis ĝin krom la gastigantoj la reprezentantoj el Ĉeĥio, Slovakio, Hungario kaj Kroatio. UEA-n reprezentis s-ino Michela LIPARI.

Delegacioj priparolis diversajn aferojn ligitaj kun E-movado en koncernaj landoj. Oni proponis kalendaron de Esperantaj aranĝoj por la jaro 2004. Estis priparolita ankaŭ la situacio kaj defendo de la lingvoj post la membriĝo al la strukturoj de EU. Gastoj povis konatiĝi ankaŭ kun intersaĵoj de la urbo GLIWICE kaj ties ĉirkaŭaĵo.

Dum konsultiĝo estis proponita tri-persona komitato por gvidi la agadon de Mezeŭropa Komisiono: Stanislaw MANDRAK (Pollando), Juraj GONDŽÚR (Slovakio) kaj Spomenka STIMEC (Kroatio). Pri kandidatiĝo de Spomenka interkonsentos la reprezentantoj de la kroata delegacio.

Konsultiĝon patronis la prezidento de la urbo GLIWICE. Pri konsultiĝo skribis kelkaj lokaj kaj regionaj gazetoj.

*Stanislaw MANDRAK, prezidanto de PEA*



### INTERNACIA ESPERANTA FORUMO

Informejo kaj diskutejo liberaj por esperantistoj en la tuta mondo!
Aperigu vian informon en la forumo, ĝi tuje sciiĝos de aliaj esperantistoj!
Prezentu vian problemon en la forumo, diskutu kun samideanoj el aliaj landoj!

*al la Internacia Forumo vi venos alklakinte sur la jena adreso:*
*http://reto.cn/cgi-bin/forumo/forumo.cgi?id=internacia*



## LA LOOONGA NOKTO DE LA MUZEOJ

Ni en la Esperanto-Muzeo la trian fojon partoprenis en la longa nokto de la Muzeo, t.e. speciala aranĝo de aŭstraj muzeoj, kiuj prezentas sin dum unu nokto (de la 18-a vespere ĝis la 1-a nokte). Tamen ĉi-jare estis rekordo: venis 675 personoj (lastjare 350) kaj ĉirkaŭ 240 el ili partoprenis en la kvardekminuta fulmokurso de Esperanto, kiu okazis je ĉiu plena horo.

Ĉiu-jare la aranĝo evoluis ali-maniere: ĉi-foje estis atentinde, ke partoprenis preskaŭ nur junuloj de 12 ĝis 30 jaroj (proksimume 90 % estis tiel junaj). Pro tio la etoso estis speciale vigla kaj entuziasma. Kaj oni ne aŭdis antaŭjuĝojn kontraŭ Esperanto, oni kvazaŭ nature akceptis la ideon de planlingvo.

*laŭ Mag. Herbert MAYER, Internacia Esperanto-Muzeo VIENO*

*Foliumi la paĝojn de la Jarlibroj el la 20-aj, 30-aj, 40-aj jaroj de la pasinta jarcento donas multe da ĝuo kaj scio, ofte ankaŭ surprizo. Mi faris tion kun aparta intereso pri la informoj rilate la slovakian movadon. Ĉi-foje mi ŝatus kun vi dividi kelkajn malkovritajn interesaĵojn pri la Delegita Reto.*

# KRIBRANTE EN LA JARLIBROJ – II

## IOM PRI LA DELEGITA RETO DE UEA

**JARLIBRO 1932:** Ĉeĥoslovakujo (Československo – Československá republika) - tiel la titolo sur la paĝo 126, post kiu sekvas listo de urboj kaj vilaĝoj kun delegitoj – ĝis la paĝo 158. Tridek du paĝoj necesis por aperigi ĉiujn 327 ĉeĥoslovakiajn lokojn kaj la nomojn (kun adresoj) de tieaj kontaktopretaj esperantistoj! La ĉefdelegito estis Otto SKLENČKA el HRADEC KRÁLOVÉ. Ankaŭ la plejparto de la delegitaro estis ĉeĥa. En la slovaka parto de la tiama ŝtato delegiton havis 46 lokoj. Tie laboris 46 delegitoj, 7 vicdelegitoj, 6 Esperanto-grupoj, 1 helpanto de la ĉefdelegito kaj 1 HS (la signifon de tiu-ĉi mallongigo mi ne trovis, sed jen la almetita adreso: PIEŠŤANY, Kuracdomo Wilkory, Kukučínova ul.; ... sezono: V.-XI.). Unu plia interesaĵo: Zamenhof-strato en Slovakio! Jes, en la menciita Jarlibro de 1932 kaj en kelkaj aliaj el la proksimaj jaroj) aperas ĉe NOVÉ ZÁMKY rimarko: Zamenhof strato. Tiutempe la urbo havis delegiton (Viktor BADIN), vicdelegiton (Emil POLITZER) kaj E-grupon kunvenantan en la urba rom-katolika popollernejo. Ĉu iu el vi povus prispuri la historion de tiu iama ZEO (Zamenhof-Esperanto-objekto)?

**Kia estas la stato en 2003?** La Jarlibro de 2002 indikas kune kun la ĉefdelegito 15 kontakteblajn personojn en 10 slovakiaj urboj: BRATISLAVA, HANDLOVÁ, LIPTOVSKÝ MIKULÁŠ, MARTIN, NITRA, NOVÁ DUBNICA, NOVÉ MESTO NAD VÁHOM, NOVÉ ZÁMKY, POPRAD, ŽILINA. Ĉu iu el vi anstataŭos la forpasintan Ernest GELETA en NOVÉ ZÁMKY (li estis tiea delegito kaj fakdelegito pri geografio kaj instruado de 1961, do 41 jarojn!)?

Se vi ne multon scias pri la **signifo de delegiteco**, jen kelkaj notoj pri ĝi: Pere de la delegita reto de UEA eblas trovi Esperante parolantajn homojn en ĉiuj gravaj urboj kaj en multegaj aliaj lokoj en sepdek landoj, ricevi deziratan informon, helpon dum vojaĝoj, ktp. Ekzistas **kvin oficoj** en la Delegita Reto: ĉefdelegito (estras la reton en la koncerna lando kaj reprezentas UEA-n, delegitoj reprezentas la Asocion en unuopaj urboj kaj urbetoj, vicdelegitoj funkcias kiel anstataŭantoj de la delegitoj, fakdelegitoj helpas en difinita fako, junularaj delegitoj estas je dispono de la pli junaj membroj de UEA.

La **delegitoj** multe helpas al vojaĝantoj, donante al ili konsilojn koncerne la restadon, vidindaĵojn, konatiĝon kun la lokaj kulturaj institucioj, k.s.Ili donas informojn pri studeblecoj, vivkutimoj, havigas sciigojn pri juraj demandoj, alifoje helpas akiri malfacile akireblan medikamenton...

Delegitoj havas **tri taskojn**: 1. ***Reprezenti:*** esti tiu persono, al kiu ĉiu povas turni sin por ricevi informojn pri la Asocio kaj movado ĝenerale. 2. ***Varbi:*** aktive kontakti kun lokaj esperantistoj, por aligi ilin kiel individuajn membrojn. 3. ***Servi:*** respondi al laŭregulaj informpetoj de aliaj membroj aŭ helpi ilin okaze de vizito. Propravole ili povas fari servojn al nemembroj, samtempe klopodante varbi ilin por UEA.

**Kiu estu delegito?** Aktivulo de la movado, laŭeble iniciatema homo kun iom da realigeblaj ideoj. Li havu almenaŭ meznivelajn lingvajn konojn pri Esperanto kaj estu individua membro de UEA.

*Katarína BODNÁROVÁ*



## INVITO AL 45-A IFES

Ĝi okazos en ARGENTIERE, en la ripozdomo de Turisma Fervojista Asocio (A.T.C.), de la 17-a ĝis la 24-a de januaro 2004.

La vilaĝo situas en la supra parto de la mirinda Chamonix-a valo sub la famkonata Blanka Montopinto (Mont-Blanc). Ekzistas du grandaj skiterenoj je 300 metroj for de la ripozdomo. Por la longdistancaj skiantoj estas 60 km da padoj, el kiuj kelkaj preterpasas la ripozdomon. CHAMONIX estas 8 km for.

Aliĝkotizo estas 10 eŭroj. Prezo por tranoktado, maten- kaj vespermanĝo estas 219 eŭroj.

*Bv. peti pluajn informojn kaj aliĝi ĉe:*
*Hubert PEYROUTY, 6 villa du progrès, FR 942 30 CACHAN, Francio*

## JARKONFERENCO EN ĈEĤIO

La jam 37-a jarkonferenco de la Ĉeĥa landa asocio de IFEF – FISAIC ČD okazis ekde la 3-a ĝis la 5-a de oktobro 2003 en PRAGO kaj partoprenis ĝin ankaŭ eksterlandaj gastoj el kvar landoj. Dum la laborpartoj de la konferenco, okazintaj en la belega kaj riĉe ornamita „Prezidenta salono“ en la ĉefa stacidomo oni pritraktis la agadon inter la jarkonferencoj kaj starigis taskojn por la venonta periodo. Al mankoj apartenas, kiel en aliaj mezeŭropaj landoj, konstanta malkresko kaj maljuniĝado de la membraro, precipe pro konstruado de la koridoroj, enkondukado de la tekniko kaj aŭtomatizado de iuj trafikaj laboroj. Al la programo i. a. kontribuis inĝ. Ladislav KOVÁŘ per la interesa prelego „Pendolino fine trafikas ankaŭ en Ĉeĥio” kaj d-ro Heinz HOFFMANN per sia pritrakto de la terminara agado en la Terminara sekcio de IFEF.

Sabato apartenis al faka ekskurso. Oni vojaĝis per nostalgia trajno trakciata per historia vaporlokomotivo 434.2186 el la praga stacidomo de Masaryk tra KLADNO al LUŽNÁ U RAKOVNÍKA (distanco de 64 km), kie oni vizitis la plej ampleksan fervojistan muzeon de la Ĉeĥaj Fervojoj. Tie oni povis vidi la plej nombran kolekton de la historiaj surrelaj trafikiloj en Ĉeĥa Respubliko: kelkdekojn da diverstipaj vaporaj, dieselelektraj kaj motoraj lokomotivoj, kompletigitaj per pasaĝeraj, fervojservaj kaj diverstipaj varvagonoj, neĝplugiloj kaj aliaj maŝinoj. Nek mankis riĉa kolekto de dokumentoj, fotografaĵoj kaj objektoj el la historio de la fervojo kaj fervoja trafiko. Intereson vekis ankaŭ ekspozicio pri modeloj kaj trafikado sur miniatura trakaro en grandeco tipo HO.

Dimanĉe antaŭtagmeze oni grupe vizitis la ĉefurbon PRAGO kaj ties memorindaĵojn.

Je adiaŭo la partoprenantoj kore dankis pro agrabla, bone organizita semajnfino, plene apogita ankaŭ pere de organiza kaj financa subteno de la landa asocio de FISAIC ČD.

*Jindřich TOMÍŠEK, CZ*

## LA 56-A IFK OKAZOS EN HUNGARA SOPRON

**Ede la 8-a ĝis la 15-a de majo 2004** organizos ĝin (la unuan fojon du landoj komune) la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio HFEA kaj la Aŭstria Fervojista Esperanto-Federacio AFEF. La **kotizo** por la ekssocialismaj landoj ĝis la fino de la venontjara januaro estas 25 eŭroj. La **kongresejo** estos tristela hotelo SZIESZTA situanta sur la deklivo de la montaro LÖVÉREK. La **tranokto** en turisma hotelo en kvarlita ĉambro kostos por unu nokto 14 eŭrojn, en la seslita ĉambro 11 eŭrojn.

La kongreso sekvos sian kutiman programon. Krome la ***tuttaga ekskurso*** gvidos al la historia urbo KESZTHELY, al SZIGLIGET, unu el la plej pitoreskaj partoj de la regiono BALATONO, kaj al la belega ekskursloko BADACSONY situanta sur la norda bordo de la lago BALATONO. La ***duontaga ekskurso*** kondukos al EISENSTADT, la landa ĉefurbo de BURGENLAND kun ties belega kastelo, kie verkadis Haydn.

La tritaga **postkongreso** (la plena programo kostas 230 eŭrojn) okazos en SZÉKESFEHÉRVÁR. Oni vizitos la mondfaman porcelanfabrikon en HEREND, la ĉefurbon de la supra regiono de BALATONO VESZPRÉM. Dum la alia tago oni vizitos BUDAPESTON kaj dum la tria tago oni veturos al la urbo MÓR kun la fama barokstila Lamberg-Kastelo.

*poŝta adreso de la LKK: 56-a kongreso de IFEF, Alfonz MORÓ, Olga utca 3, HU 7632 PÉCS*
*retadreso: ifk56@freemail.hu*



## HENNING HAUGE (* 09.07.1935 † 07.08.2003)

Survoje hejmen kune kun sia edzino Sabine **Henning HAUGE** estis tuj mortigita pro aŭtomobila akcidento vespere la 7-an de aŭgusto 2003.

Li lernis la lingvon en 1960. Interalie ekde la 1966 li iĝis la prezidanto de la Dana E-Fervojista Asocio por 20 jaroj kaj la prezidanto de la Kultura Fako de la Libertempa Asocio de Danaj Fervojistoj dum 16 jaroj. En 1974 li estis elektita kasisto de IFEF, kiun taskon li plenumis dum 28 jaroj. Lastfoje li estris la financojn de la kongreso en DRESDENO.

Honorojn li merite ricevis: oran medalon de FISAIC en 1996, honoran membrecon de FISAIC en 1998, honoran membrecon de IFEF en 2001, kaj en la dana fervojista libertempa organizo li trifoje ricevis medalojn.

*Slovakaj fervojistoj, sed ankaŭ la nefervojistoj, kiuj povis vidi s-anon HAUGE dum la koŝicea kongreso, ankaŭ kliniĝas antaŭ la majesto de morto kaj esprimas sian plenkoran kondolencon al lia edzino Sabine kaj la familio.*

## COLUMBIA PORTIS ION APARTAN

La 16-an de januaro 2003 komenciĝis en Usono la tragedie finiĝinta flugo de la raketoplano COLUMBIA. La 16-taga esplorvojaĝo finiĝis per kraŝo, en kiu mortis ĉiuj sep astronaŭtoj, inter ili Ilan RAMON. Li, la unua israela astronaŭto, kunprenis en la spacon bildon, desegnitan de la juda knabo Petr GINZ, kiu pereis en la koncentrejo OSWIENCIM. La desegnaĵo prezentas la imagon de Petr pri la montoj sur la Luno kaj la Terglobon vidatan sur la luna ĉielo. Tial la kunesto de tiu-ĉi bildo sur la ferdeko de la laketoplano simbolis la realigon de homaj revoj.

Petr GINZ naskiĝis la 1-an de februaro 1928 kiel filo de ĉeĥaj esperantistoj Marie kaj Ota GINZ. Ota kunredaktis la Ĉeĥoslovakan Antologion (Budapest, 1935) kaj post la milito la ĉeĥan revuon ESPERANTISTA (kun d-ro KAMARYT). Li kaj lia edzino trapasis koncentrejon kaj en 1956 transloĝiĝis al Israelo. Ota aktivis ankaŭ tie, li ekz. esperantigis la romanon FREŜA MATENO de la israela verkisto R. KRITZ.

Petr ne revenis el la koncentrejo kaj lia bildo ne revenis sur la Teron. COLUMBIA eksplodis la 1-an de februaro, la tagon, kiam Petr havus sian 75-an naskiĝtagon.

Ilan RAMON, kiu volis per la kunportita bildo honori ĉiujn viktimojn de la holokaŭsto, estis la dua kuzo de Juhoŝua TILLEMAN, la ĉefdelegito de UEA en Israelo.

*laŭ Jiří PATERA, CZ*



## ĈINIO SUKCESE LANĈIS SIAN HOMPORTAN KOSMOŜIPON

Je la 9-a horo de la 15-a de oktobro 2003 Ĉinio sukcese lanĉis sian unuan homportan kosmoŝipon SHENZHOU-5, projektitan kaj faritan de Ĉinio mem. La kosmoŝipo kun unu kosmonaŭto estis lanĉita per transporta raketo CHANGZHENG 2-F. Ĝi ĝuste enflugis la difinitan orbiton.

Yang LIWEI, 38-jara, kosmonaŭto de la kosmoŝipo SHENZHOU-5, estis trejnita de Ĉinio. Li estis elstara piloto de batalaviadilo kaj pilotis dum pli ol 1 350 horoj. En la jaro 1998 li estis elektita kiel kosmonaŭto.

Je 6:23 de la 16-a de oktobro laŭ pekina tempo la kosmoŝipo SHENZHOU-5 sukcese surteriĝis en la loko de Interna Mongolio 4,8 km for de la difinita celo. Post surteriĝo de la kosmoŝipo Yang LIWEI eliris sana el ĝi. Tio signifas, ke la homporta kosmoŝipo sukcese plenumis sian laboron.

La kosmoŝipo SHENZHOU-5 ĉirkaŭflugis la teron 14 fojojn en 21 horoj. Lu JIE, la usona kosmonauto de ĉina deveno en la spaco salutis Yang LIWEI-on: „Bonvenon al la spaco! Bonan vojaĝon kaj sukceson!“ Kaj rusa kosmonaŭto diris: „Mi tre ĝojas, ke en la spaco troviĝas ankaŭ plia kosmonaŭto krom mi kaj Lu JIE. Mi scias, ke en Ĉinio estas la Granda Muro. Mi gratulas la ĉinojn.“

En la 15-a ANNAN, ĝenerala sekretario de UN, pere de sia proparolanto gratulis la sukceson de lanĉo de SHENZHOU-5. Li diris: „La spaco ne havas landlimon, la sukcesa lanĉo de SHENZHOU-5 estas antaŭpaŝo de la tuta homaro al la spaco.“

La sukceso faris Ĉinion la 3-a lando, kiu kapablas lanĉi homportan kosmoŝipon.

*laŭ EL POPOLA ĈINIO*

# KIEL MI FARIĜIS ESPERANTISTO

Pri Esperanto mi unuan fojon eksciis en la jaro 1938, kiel dekdujara knabo.

Tre interese pri ĝi rakontis al ni en nia vilaĝa popola lernejo nia lernejestro, s-ro Hugo NEUBAUER. Kiam li vidis mian intereson, li donis al mi tre valoran donacon: Fundamenton de Esperanto de d-ro ZAMENHOF (slovaka eldono, 1907, de N. P. EFSTIFEJEV kaj A. ŠKARVAN). Mi ĝin posedas ĝis nun kiel la trezoron. El ĝi mi vigle lernis.

Nu, poste alvenis la militjaroj kaj antaŭ la fino de la milito mi jam estis kiel eĉ ne tute 19-jara junulo soldato de la nova ĉeĥoslovaka armeo. Sed antaŭ tio, en la jaro 1944, mi ankoraŭ estis hejme. Dum sep semajnoj en nia vilaĝo estis germanaj soldatoj, partoprenantoj de la batalo pri la montpasejo DARGOV. Antaŭ nia domo estis ilia aŭtoriparejo, kaj en ĝi laboris tri italaj militkaptitoj: Rino FINOTO, Alessandro MOLINARI kaj Enrico BASCHIERA. Se ili povis, ili ĉiam je kelkaj momentoj alvenis al nia domo lavi sin aŭ trinki iom da akvo aŭ lakto, kion donis al ili mia patrino. Mi, kiel studento, sciis iom la germanan lingvon, kaj ni klopodis interkompreniĝi. Foririnte el nia vilaĝo ili sukcesis doni al mi iliajn hejmajn adresojn, petante skribi post la milito al iliaj hejmanoj, ke en tiu tempo ili estis ĉe ni, vivaj kaj sanaj.

Post trairo de la fronto mi eksciis, ke kelkaj italaj militkaptitoj provis forkuri de germanoj al partizanoj en proksimajn montojn, sed ili estis kaptitaj kaj mortpafitaj de germanoj. Mi ektimis, ĉu inter ili ne estis eĉ miaj amikoj.

Post la milito mi vigle progresis en lernado de Esperanto. En la urbo KOŠICE mi konatiĝis kun kelkaj esperantistoj, kiuj helpis al mi en mia lernado. Sciante sufiĉe por korespondado mi volis konvinkiĝi pri utileco de Esperanto. Do, en la pruntita jarlibro de UEA mi hazarde trovis la adreson de la delegito de UEA en la urbo TORINO en Italujo, s-ro Mario RAVINALE. Mi sendis al li la adresojn de menciitaj italoj, petante, ĉu li afable povus kaj volus min iformi pri ili. Kaj tio decidis pri mia posta, eĉ ĝisnuna fideleco al nia kara Esperanto. Post kelkaj semajnoj mi ricevis atenditan respondon de s-ro RAVINALE, kiu tiel fariĝis mia unua kaj poste multjara korespondamiko. Li sukcesis kontaktiĝi kun tiuj italoj. Ili ĉiuj tri feliĉe travivis la militon kaj revenis hejmen. Ili dankis al mi en apartaj leteroj por tiama amikeco, helpo kaj gastamo.

Mi komencis ABONADI ESPERANTISTON SLOVAKAN de ĝia unua numero kaj korespondadi kun multaj esperantistoj en la mondo. Kun kelkaj el ili tiu korespondado daŭras ĝis nun.

En la jaro 1947 mi duonjare laboris en KARLOVY VARY. Tie mi vizitadis Esperanto-klubon kaj plibonigadis mian scion de Esperanto. Poste mi partoprenadis diversajn Esperanto-kunvenojn kaj kongresojn, eĉ eksterlandajn vizitojn de miaj Esperanto-amikoj. Por Esperanto mi sukcesis akiri kelkajn pluajn entuziasmulojn; kelkaj el ili estas esperantistoj ĝis nun.

Mi opinias, ke estus bone, se eĉ aliaj samideanoj skribus pri iliaj spertoj kun Esperanto. Sed mi volas eluzi tiun ĉi mian kontribuaĵon eĉ por unu serĉado: Antaŭ kelkaj jaroj mi longe korespondadis kun unu bulgara samideanino: D-rino Jordanka SIRAKOVA, st. Jane Sandanski 14, VARNA, Bulgario, sed nia korespondado estis rompita. Se Esperantisto Slovaka estas sendata ankaŭ en Bulgarion, mi petas per ĉi vojo iun bulgaran samideanon aŭ samideaninon, ĉu ili povus doni al mi iun informon pri tiu ĉi mia iama esperantista amikino. Je ĉi tie menciita adreso ŝi ne anoncas sin. Mi kore antaŭdankas.

*Ján MIKLOŠ,*
*Čakanovce, 044 45 p. BIDOVCE, Slovakio*

## EŬROPA JARO DE HANDIKAPULOJ

La E-movado kreis komunumon, kiu estas tre malfermita al homoj „malsanaj“, al homoj kun socie marĝenaj pozicioj, al homoj kun fizikaj malavantaĝoj. En nia komunumo fakte agas kelkaj socioj de E-parolantoj kun malavantaĝoj, ekz. LIGO INTERNACIA DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ (LIBE), aŭ ASOCIO DE ESPERANTISTAJ HANDIKAPULOJ (AEH).



AEH ekde la jaro 1996 estas faka asocio de UEA. Ĝi regule okazigas internaciajn kongresojn kaj eldonas propran bultenon. La nuna prezidantino de AEH estas Jarmila RÝZNAROVÁ el Ĉeĥio. Jen eta iniciato, kiu tamen povus helpi al suferantoj:

Uzitajn poŝtmarkojn ne forĵetu. Oni povos por ĉiu el ili akiri por malsanuloj el la tria mondo proksimume pecon da pano. Se vi sendos kolektitajn uzitajn poŝtmarkojn al AEH, Na Okrouhlíku 953/21, CZ 830 03 PARDUBICE; tie oni aranĝos ilian konvenan uzon.

*laŭ STARTO n-ro 3/2003*

## ESPERANTO DUM LA OLIMPIKOJ EN PEKINO - ĈU REALIGEBLA?



„Ni volas prezenti la proponon - 'Aldone uzu Esperanton en Olimpikoj 2008' - al nia kvina ĉina Kongreso de Esperanto“, diras la heilongjiangaj esperantistoj en skribo oficiale sendita al la estraro de la Universala Esperanto-Asocio. En 2004 okazos la Universala Kongreso en PEKINO, kaj eĉ pli granda evento okazos pliajn kvar jarojn poste: 2008 gastigos la ĉina ĉefurbo PEKINO la Olimpikojn.

Ĝis nun la organizantoj de la ludoj intencis uzi ĉefe la ĉinan kaj anglan lingvojn. Sed nun ŝajne la ĉinaj esperantistoj prepariĝas, por ke oni aldonu Esperanton. Ne tiel nova ideo ĝi estas, ĉar jam en 1972 estis klopodoj paroligi la atletojn ankaŭ en Esperanto, publikiginte konversacian libreton kun baza terminaro en diversaj lingvoj, i.a. en Esperanto. „Teamaj flagoj por transsendi Olimpikan Fajron; signoj de oficejoj, laborejoj, haloj, manĝoĉambroj, bufedoj, amuzejoj kaj konsultejoj; signoj kaj vojmontriloj en Olimpika Vilaĝo; enirbiletoj por matĉoj kaj ludoj; ĉie, kie troviĝos vorto 'Olympic Games', ĉi tie ankaŭ estu Esperanto“, diras la heilongjianganoj nun.

Ĉu matura propono? La heilongjianganoj esperas, ke jes: „Ni estas farantaj, ke ĉio ĉi fariĝu komuna propono de diversaj E-asocioj en Ĉinio. Ni montras, ke nia propono estas kuraĝa defio al la lingva hegemoniismo kaj granda kontribuo al la E-Movado en la mondo. Jam multaj membroj de UEA subtenis nin en la reto.“ La entuziasmaj heilongjianganoj alvokas la estrojn de UEA skribe subteni ilian proponon, por ke ĝi havu pli da ŝancoj dum la ĉina Kongreso. „Ni kredas, ke ĉi propono estas ne nur aktuala sed ankaŭ realigebla. Olimpikoj bezonas Esperanton! Esperanto bezonas Olimpikojn,“ optimismas la heilongjianganoj.

*lingva-demokratio@yahoogroups.com*

## ĈU VI JAM UZIS HTTP://WWW.SKYPE.COM/?



Se vi havas en via komputilo konstantan konekton al la reto, laŭtparolilojn kaj mikrofonon, vi povas telefoni senpage al la tuta mondo. Necesas instali nur la programon „skype“.

*Stanislaw MANDRAK, PL*

## RETA REELDONO DE GRAVA ESPERANTOLOGIA VERKO

Unuafoje UEA okazigis nur-elektronikan eldonon de ampleksa publikigaĵo. Temas pri aktualigita „BIBLIOGRAFIO DE VORTAROJ”, origine komplita de Edward OCKEY en 1982-a jaro.

La bibliografia listo estis enkomputiligita kaj parte ĝisdatigita de Geoffrey SUTTON, sekve de kio ĝi ricevis novan titolon: „**BIBLIOGRAFIO DE VORTAROJ KAJ TERMINAROJ EN ESPERANTO, 1887-2002**”. En ĝi estas listigitaj E-vortaroj kaj terminaroj, publikigitaj dum la tuta vivodaŭro de nia lingvo - entute 1079 titoloj. Sendube la listo ne estas kompleta, sed momente la plej plena.

La BIBLIOGRAFIO estas trovebla en la retejo UEA.ORG ĉe la adreso *http://uea.org/dokumentoj/bibliografioj.html* kaj estas prezentita en tri formatoj - HTML-versio, kiun oni povas konsulti rete, PDF-versio kaj RTF (arkivigita) - kiujn oni povas elŝuti kaj konsulti laŭnecese en propraj komputiloj.

En la sama paĝo oni trovas apartan **BIBLIOGRAFION DE E-TERMINAROJ**, aperintaj en 1980-2002. Ĝi estas pli oportuna por tiuj, kiuj simple serĉas specifajn fakajn terminarojn, ĉar disponigas titolojn, ofte reale troveblajn en libroservoj. Krome, post pluraj titoloj estas aldonitaj hiperligiloj, pere de kiuj oni povas transiri al la tekstoj de la terminaroj en diversaj E-retejoj. La bibliografio estis kompilita de Ĵerom VASHE kaj enretigita de Dirk BINDMANN.

*GAZETARAJ KOMUNIKOJ DE UEA, n-ro 168 (2003-06-01)*



## LA 20-A DE NOVEMBRO – INTERNACIA TAGO DE LA INFANRAJTOJ

Kiel infanoj perceptas siajn rajtojn?
Eble ili deziras tion komuniki al la plenaĝuloj per sloganoj, poemoj, prozaj tekstoj, desegnaĵo aŭ eble per komponaĵoj!
Kunlaboru ankaŭ vi, ĉar ĉi internacia projekto rezultiĝos per dulingva kolora publikigaĵo kaj internacia ekspozicio.
Kroma programero: internacia ekspozicio de porinfana gazetaro.

*Pliajn detalojn petu ĉe: KROATA ESPERANTISTA UNUIĜO, p/a Sveti Duh 130, HR 100 00 ZAGREB, Kroatio, hes@zg.hinet.hr*

## BONVENON AL BRUSELILONO!

Kontraŭ la babilona lingva konfuzo: la Esperanto-komunumo de BERLINO festas centan naskiĝtagon kaj esperas pri la eŭropa venko de sia unuiga vizio.

Hundo, Lando, Paco... Iel familiara kaj tamen fremda. „Mi parolas Esperanton“ tion eblas diri post nur 25 lernohoroj. Pro tio, konvinkitaj adeptoj de la „monda lingvo“ estas la ora ponto super la fosaĵoj lingvaj kaj kulturaj de Eŭropo. Ankaŭ la organizitaj esperantistoj de BERLINO, kiuj festas sian centan naskiĝtagon en tiu ĉi jaro, esperas pri la venko de la ideo.

El dek unu faru dudek unu: tiom multe da oficialaj lingvoj havos Eŭropa Unio post la pligrandiĝo en la venonta jaro. Bonvenon al BRUSELILONO! La Interpret-Paradizo de la EU-ĉefurbo riskas sperti komunikadan „overhill“, ĉar laŭ la Romaj Kontraktoj de 1958 ĉiuj lingvoj de la komunumo estas samrajtaj - ankoraŭ en la nuntempo. Plur-mil-kapa aparato da interpretistoj kaj tradukistoj penadas pri la komprenado en la multlingva eŭrokratio.

Ankaŭ la dek aliĝontaj ŝtatoj ne volas rezigni pri tradukoj al iliaj landaj lingvoj. Naciaj egoismoj marŝas en „Nova Eŭropo“ flank-al-flanke kun la protektado-celo „kultura diverseco“. Jam nun videblas: la angla gajnos pli da graveco kiel procedlingvo. Kritikantoj timas pli fortan dominadon de anglalingvanoj - lingvo alportas ankaŭ kulturon.

Kio mankas nun, fronte al konfuzo kaj timoj, tio estas „babelfiŝo“. La scienc-fikcia aŭtoro Douglas ADAMS provizis sian „petveturanton“ per tiu universala lingvoinstrumento por ties vojaĝo tra la galaksio. Bela utopio. Sed amaseto da sinceruloj kredas, ke ĝi jam trovis la utilan fiŝon por la orelo kaj volas bongustigi ĝin al la multlingvaj eŭropanoj: Esperanto.

En 1887 la pola kuracisto kaj humanisto Ludwig ZAMENHOF prezentis en VARSOVIO la broŝuron „LINGVO INTERNACIA". Lia pseŭdonimo „Esperanto" (esper-anto) fariĝis la varo-nomo de la „Internacia Lingvo". Antaŭ cent jaroj, en aŭtuno 1903, fondiĝis la unua grupo en BERLINO. Ĝin iniciatis, tute internaciece, la svisa ĵurnalisto Jean BOREL. Precipe el la GERMANA PAC-SOCIETO kaj pedagogiaj reformmovadoj venis la fondintoj de la „ESPERANTISTA SOCIETO BERLINA" (Esperanto-societo de Berlino).

Ekde tiam, ĉiam denove ekzistis florado kaj rebatoj por la translingva interpopola kompreniĝo. Unue la idealo dronis en la batalkampoj de la Unua Mondomilito. Poste kaj en la nazia Germanio kaj ankaŭ en la Stalina Sovetio oni malpermesis Esperanto-grupojn, persekutis la anojn. La misfido de la totalismaj reĝimoj al la kosmopolitaj esperantistoj estis tro granda. Hitler jam en „MIA BATALO“ fidemagogis kontraŭ la „universala lingvo" kiel instrumento de la juda monda regado.

En la detruita postmilita BERLINO la restintaj esperantistoj rapide rerenkontiĝis. En 1947 la unua Esperanto-societo en WILMERSDORF ricevis britan permeson. Du jarojn poste ekzistis (en la okcidentaj sektoroj de BERLINO) denove tegmenta unuiĝo, kiu ĝis hodiaŭ pluvivas kiel ESPERANTO-LIGO BERLINO (ELB). Kvankam la nombro de Esperanto-uzantoj tutmonde grandas - taksoj parolas pri inter 500 000 kaj maks. tri milionoj - la organizaĵoj restas facile superrigardeblaj. Fritz WOLLENBERG, estro de la ELB-jubilea komisiono, taksas la veran kernon en BERLINO je nur cent aktivuloj. Laŭ li dekoble pli da ĉefurbanoj scipovas apliki la lingvon.

La anoj laŭdas, krom la facilan lerneblecon kaj tutmondan disvastigon (cent landoj), la neŭtralecon kaj samrajtecon de Esperanto: por ĉiu ĝi estas fremdlingvo; la britusonaj gepatra-lingvanoj ne plu havas „pro-naskiĝan avantaĝon". Kontraŭuloj argumentadas per la kultura senradikeco. Sed intertempe tradukiĝis literaturaj klasikaĵoj („Faŭsto") kaj filmoj („Mephisto") en Esperanton, kaj jam de longe la esperantistoj eldonas proprajn librojn kaj gazetojn.

Krom tio, la Berlina lingvisto Detlev BLANKE, mem Espernato-praktikanto, firme kredas: Esperanto protektas la memstarecon de lingvoj kaj kulturoj. „Se la angla pludominas, tiam aliaj lingvoj malpliriĉiĝas", li avertas montrante al modernaj fakaj terminologioj. Altlernejoj pli kaj pli ofte ŝanĝiĝas al la anglaj, sekvas, laŭ li, lernejoj. La sekvo, laŭ li, estas perdo de identeco. „Kio restas, estas folkloraj lernejoj."

Malfacilas venkigi tiun vidpunkton kontraŭ germanoj kaj francoj, kiuj sekvas proprajn lingvajn celojn, sed precipe kontraŭ proks. miliardo da angla-lingvaj homoj en la mondo. La lingvisto BLANKE estas ja skeptika pri la politikaj ŝancoj: neniu el la grandaj lingvaj nacioj montras interesiĝon por la subteno de Esperanto. En EU-Eŭropo estas maksimume reprezentantoj de malgrandaj landoj, kiuj emas entute konsideri Esperanton kiel alternativon. Sen RIAIN, en Berlino vivanta irlanda diplomato, atentigas pri tio, ke oni primokis „la eŭron antaŭ kelkaj jaroj kiel ‚Esperanto-monon'". Nun tiu Esperanto-mono estas la plej forta valuto de la mondo en la poŝoj de pli ol 300 milionoj da homoj.

Sed por multaj Esperanto-entuziasmuloj la lingva politiko ĝenerale estas malpli grava. Eble „post dek aŭ dekkvin jaroj" oni povos tiunivele antaŭenigi la temon, diras la berlina matematikisto Louis-Ferdinand von WUNSCH-ROLSHOVEN. Ĝis tiam li flegas la privatan internacian interŝanĝadon kaj edukis filinon Iris ekde la unua vivjaro en Esperanto. La sukceso nun venas: la naŭjarulino planas, traduki infanlibran rakonton al Esperanto. La verdo estas la koloro de la esperantistoj. Kaj ilia espero havontas fruktojn.

*La artikolon de Oliver de Weert aperigitan en Berliner Morgenpost 01/06/2003*
*esperantigis Ziko Sikosek*
*lingva-demokratio@yahoogroups.com*

## LA SEKRETO DE LA PARADIZO

Unu brava samurajo post longa heroa vivo trapasis la sojlon de eterneco kaj enpaŝis en la paradizon. Li estis granda scivolemulo kaj li demandis, ĉu li povas antaŭe enrigardi la inferon.

La anĝelo konsentis kaj enkondukis lin en la inferon. La samurajo enpaŝis grandan salonon. En la mezo estis tablo plena da teleroj kun saŭcaj bongustaj manĝaĵoj. Sed ĉetablaj manĝantoj estis tre maldikaj kaj tiel palaj, ke ili vekis lian kompaton.

„Kiel eblas tio?“ demandis la samurajo sian akompananton, „ja ili havas antaŭ si ĉiujn diajn donacojn!” „Rigardu, kiam ili eniras ĉi-tien, ĉiuj ricevas du bastonetojn kiel manĝilaron. Sed ili estas pli ol unu metron logaj kaj devas esti prenitaj ĉe ekstremaĵo. Nur tiamaniere la manĝontoj povas enmeti manĝpecojn en siajn buŝojn.”

La samurajo estis ŝokita. Tio estis terura punilo por la kompatinduloj. Per la plej granda penado ili sukcesis preni nek unu manĝeron. Tiu rigardo sufiĉis al la samurajo. Li volis vidi nenion plu kaj petis reveni en la paradizon. Tie atendis lin surprizo. En paradizo estis samgranda salono kiel en infero, la sama societo ĉirkaŭ la tablo kaj la sama oferto da manĝaĵoj. Sed ne nur tio. Ĉiuj manĝantoj havis la samajn unu metrajn bastonetojn, kiuj devis esti tenitaj ĉe la ekstremaĵo kaj tiamaniere ili manĝis. Estis ĉi tie nur unu difereno: la homoj estis gajaj, bone nutritaj kaj superbolis per ĝojo.

„Kiel eblas tio“? demandis la samurajo. La anĝelo ridetis. „En la infero ĉiuj klopodas preni manĝpecojn kaj meti ĝin en la propran buŝon, ĉar ili tiamaniere kondutis dum la tuta vivo. En la paradizo estas male: ĉiuj prenas manĝpecojn kaj enmetas ĝin en la buŝon de sia najbaro.”

## LA SEKRETO DE PARADIZO - ANKORAŬFOJE

Unu kruela samurajo vizitis iam malgrandan monaĥon. „Monaĥo, klarigu al mi, kio estas la infero kaj kio estas la paradizo.” La monaĥo levis siajn okulojn, rigardis la fortn batalanton kaj kun malrespekto li diris: „Ĉu mi klarigu al vi, kio estas la infero kaj la paradizo? Al vi mi diros nenion. Vi estas malpura kaj malbonodora. Vi estas honto por la kasto de samurajoj. Mi malamas vin, tuj forkuru de miaj okuloj!“

La samurajo ekkoleris. Lia vizaĝo ruĝiĝis. Li kapablis diri nek unu vorton. Li elingigis la glavon kaj estis preta mortigi la monaĥon. „Tio ĉi estas la infero”, ekmurmuris la monaĥo.

Tio tre surprizis la samurajon. Kiom da penado kaj kuraĝo kostis, ke la monaĥo riskis sian vivon por montri, kio estas la infero. La samurajo malrapide mallevis la glavon, trankviliĝis kaj sento de dankemo superverŝis lin. „Kaj tio estas la paradizo“, ekmurmuris la monaĥo.

La infero kaj la paradizo estas en niaj manoj.

Hodiaŭ.

Tuj.

*tradukoj de Jarmila RECHTORISOVÁ*



✎ Kun ĝojo mi ricevis ES-on n-ro 2/2003. Kvankam ĝi ion malfruiĝis, tamen ĝi en la tuta „pompo“ alvenis. Dank´ al vi, ke vi anstataŭis mankantajn hejmajn artikolojn per aliaj, vere interesaj, kaj por klopodo eĉ kontraŭ malfacilaĵoj teni la kvaronjaran eldonadon. Mi petas, ĉu ne estus bone publikigi kalendaron de agadoj por la jaro 2003/2004. Dezirante al vi firman sanon, optimismon kaj multajn artikolojn de niaj abonantoj mi sincere salutas vin.

*Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto n/Váhom*

Antaŭ ĉio la plej sincerajn dankojn por via plua tre interesa gazeto ESPERANTISTO SLOVAKA 2/2003... En ĝi mi trovis interesajn respondojn, kiujn mi serĉis jam de longe, nome kion fari por disvastigi nian belegan Esperanton. Mi scias jam, ke la plej fidinda rimedo antaŭ ĉio estas perfekta kono de la lingvo. Poste laŭ mia opinio povas sekvi rimarkebla propagando, ekzemple per interesa kaj altira murgazeto, aŭ vitrino. Tion ni realigis (mi pensas kun sukceso), ĉar nian klubejon komencas vizitadi unuaj interesuloj. En lasta tempo mi provis ankaŭ demandojn en lernejoj, sed tie mi aŭdis nur la saman respodon: la infanoj lernas jam du fremdajn lignvojn, tial la tria lingvo laŭdire kaŭzus problemojn. Tial mi bezonus konsili, kion fari sekve por akiri junajn homojn; kiamaniere vi akiras novajn interesulojn en Slovakio? Mi admiras grandajn sukcesojn de via E-movado en Slovakio: vi havas certe multajn sinoferemajn anojn, vi realigas ankaŭ multajn interesajn E-aranĝojn, k.t.p. Tial mi serĉis en via lasta ES ankaŭ kalendaron de viaj venontaj aranĝoj, sed bedaŭrinde, mi ne trovis ĝin tie... Mi deziras al vi kaj al via gazeto pluajn sukcesojn en via sinoferema agado kaj sincere vin salutas. ✍

*Václav KAPRÁL, Kaznějov, Ĉeĥio*

✎ S-anino Zilda FERREIRA el Rio de Janeiro sukcesis transdoni al la urbestro de ties urbo, s-ro Cesar MAIA, la leteron, en kiu ŝi proponas, ke la konstruota Olimpika Sportejo en la kvartalo ‚Engenho de Dentro‘ ricevu la nomon ‚Esperanto‘. En 2007 Rio gastigos la TutAmerikajn Olimpikajn Ludojn. Krome la urbo kanditatigas por esti la sidejo de la Mondaj Olimpikaj Ludoj en 2012. Se vi apogas la proponon de s-anino Zilda, bonvolu retmesaĝi (en Esperanto) al s-roCesar MAIA: *cesarmaia.iplan@pcrj.rj.gov.br*. La titolo de la mesaĝo estu ‚Sportejo Olimpika ESPERANTO‘.

*Aloisio SARTORATO, Rio de Janeiro, Brazilo*

## DE IVAN SLÁVIK

**NIA MAJSTRO L. L. ZAMENHOF KONSILAS:**




**HORIZONTALE:**

**A. La unua parto de la kaŝfrazo.** B. Nomo de du slovakaj montaroj proksime de la urbo Žilina – iama unuo de itala monsistemo – la plej alta perfektec'. C. Instrumento – grup' da fratrioj aŭ kurioj – korneca elkreskaĵo de la ekstremo de homaj aŭ bestaj fingroj – baza numeralo. D. Kovrita per tre malgrandaj kaj maldikaj fungetoj, kiuj naskiĝas sur la supraĵo de organikaj substancoj – malmola polurebla kalkoŝton' uzata en konstruado kaj skulptarto – rilata al kodo. E. Part' de la skeleto – ĉarmegi estigante entuziasman admiron – aro da idoj (rad.) – la plej ofta konjunkcio. F. Membro de iu societo – la supera membro ĉe la homo (rad.) – posedanta normalan spiritostaton – persono de vira sekso. G. Granda nekovrita kuvo el ligno – difinita terspaco, parto de la tera supraĵo – teksaĵ' el lano uzata por vestoj. H. Virino – speco de kano kreskanta en Egiptio kaj uzata iam por skribaĵoj – kemiaj simboloj de oksigeno kaj kalcio. I. Rilata al leĝo – batas iun per bastono, per kuglo, ankaŭ per mano (sur vangon) – dolĉa substanc' ellaborata de la abeloj el suko de floroj. J. **La dua (kaj lasta) parto de la kaŝfrazo**.

**VERTIKALE:** 1. Sciigo al la publiko, presita sur papero kaj ordinare gluita sur muro – la reĝo de Hunoj fama kiel „vipo de Dio". 2. Rapide kaj plej ofte nevole malleviĝi – kemia simbolo de stano – malgranda in'. 3. Plej malgranda er' de materio – muzika sono – pronomo de la tria persono en singularo por montri precipe aĵon. 4. Malongigo de la „bruttoregistrita tuno" en la ŝiptrafiko – ligna vegetaĵo kun alta trunko, branĉoj kaj folioj – nia ĉiutaga nutraĵ'. 5. Guto de akveca fluaĵ' elfluanta el la okuloj – koncernanta arton – aviadilsimboloj de Francio kaj Britio. 6. Ne tia, sed... – latina (romia) ekkria vorteto por „ve al la venkitoj!" – prefikso montranta longan antaŭtempecon. 7. Rapide regule moviĝi tien kaj reen, eligante kutime certan tonon – eligas laŭtan akran voĉtonon. 8. Ornami ion per oro – rikoltilo, duonronda kurba falĉilo. 9. Amfibia saltanta besteto – loĝant' de Danlando – kemiaj simboloj de urano kaj aluminio. 10. Granda rabobest' el familio de katoj – atingos certan aĝon – aŭtosimbolo de Finlando. 11. Lirika poemo – ar' da lignaj aŭ feraj stangoj servanta kiel forta barilo – unuo de elektra rezistanco. 12. Ago peti – ago kuri – kemia simbolo de iridio. 13. Subhaŭta tavol' da graso ĉe porkoj – prepozicio montranta fizikan proksimiĝon en ia direkto – vinagr'. 14. Apartenantaj al ili – juvelŝtono el lakteblanka aŭ blueta siliko.

H I H I H

*La ĝustan solvon de la krucvortenigmo el la pasinta numero* ***"Kie estas la volo, tie estas la vojo."*** *sendis Milan SMĚLÝ, Prostějov, Ĉeĥio, Trevor STEELE, Roterdamo, Nederlando, Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Nové Mesto nad Váhom.*

